BOHEMA ESPERANTISTO

# ČESKÝ ESPERANTISTA

Měsíčník pro šíření esperanta a esperantismu mezi Čechy
Orgán „SVAZU ČESKÝCH ESPERANTISTŮ“ v Rakousku.
Zodpovědný redaktor: H. K. BOUŠKA, Praha-Smíchov 730.
Vydavatel a nakladatel: J. IGLAUER, Praha III., Hroznova 6.
Celoroční předplatné 4 K,
pro členy spolků sdružených ve »Svazu čes. esp.« 3 K, jednotlivá čísla 36 h.
**Ročník V. — Sešit 7.**
Praha, 31. V. 1911 Cena 36 h



Zásilky pro „Svaz čes. esp.“ adresujte: Mil. Schmidt, Praha-II. 1036/XIV.

**Číslo příští (8)** vyjde také tentokráte později (25. července).

**Přátelům našeho listu.** Kdo sdělí nám nejdříve adresy níže uvedených samidéanů, obdrží od nás brošurku zdarma. Ant. Titz (dříve Žižkov, Lupáčova ul. 1.), Jan Pecháček (dříve Trávník, Čes. Třebová.), J. Svoboda (dříve Praha VII. 720.), Č. Körber, typograf (dříve Nusle 359.).

**„Ze Svazu českých esperantistů".** Příštím měsícem končí správní rok 1910-1911. Žádáme pp. členů, kteří dosud **příspěvky, za uplynulý rok nezaplatili**, aby tak bezodkladně učinili.

**Za prémii pro členy S. č. e.** ustanoven byl 1 výtisk brošury Slovakoj kaj Magiaroj od H. K. Boušky. S expedováním jejím pp. členům, kteří příspěvek za rok 1910-1911 mají zapravený, bylo právě počato.

**Žádejte! „Přírodní Lékař,"** časopis pro šíření rozumné životosprávy a přír. lečby, vyšel právě v čís. 5. roč. XVI. a stojí celoročně jen K 4.— Čísla ukázková zdarma. Administrace Smíchov.

**Všem, kteří reklamovali 4. číslo Č. e.** Omylem bylo tiskárnou číslo z 31. 1. označeno jako čís. 3., ač bylo to **číslo 4.** Žádáme všechny pp., kteří reklamovali, aby prohlédli si, zda-li číslo z 31. 1. t. r. mají. Kdo toto číslo skutečně nemá, nechť reklamuje znovu. Nezalepenou reklamaci není třeba frankovati.

## Esperantská korrespondence — Esperanta korespondado.

Jednonásobné otištění oznámení stojí 60 h, trojnásobné K 1·50. Členové svazu a spolků sdružených platí pouze 40 hal., resp. 1 K. Pro přímé předplatitele je prvé otištění zdarma. — Vyměňovati dopisy[1]), pohlednice[2]), pošt. známky[3]) přejí si:

La unufoja enpreso de l' anonco kostas 25 sd., trifoja 63 sd. La anoj de l' asocio kaj aliĝintaj societoj pagas sole 17 sd., resp. 42 sd. Por la abonintoj la unua enpreso estas senpaga.— Interŝanĝonde leteroj[1]), ill. poŝtkartoj[2]), poŝtmarkoj[3]) deziras:

143. J. Zahradník, komizo, N. Brod, Bohemujo.[2]). — 144. Julius Plicka, Červ. Újezd, p. Unhošť, Bohemujo-Aŭstrio [2]). — 145. Daněk Jan, Vrahovice-Pr. stěj v, Moravio-Aŭstrio, kolektas kaj interŝanĝas vidaĵkartojn kaj esper. gazetojn. — 146. N. Ermolajev, Nižnij Novgorod, Bolŝaja Jamskaja 48, Ruslando [2]). Ĉiam respondos. — 147. S-ro D. Arbenjev, Nižnij Novgorod, Polevaja 12, Ruslando [2]). Ĉiam respondos. — 148. S-ro Frt. Patočka, Osnabrück, Marthastrasse 17, Germanujo. — 149. Fino A. Morgenthal r, Sekretariino de Esp. Grupo (prefere), La Chaux de Fonds, Svisujo [1])[2]). — 150. S-ro J. W. Kollar, Č. Budějovice, Bohemujo, 91. Regimento, 13. Comp.[2]) — 151. Fraŭlo Körosi Ferenc, deziras korespondadi per. il. poŝtkartoj kun bohemaj fraŭlinoj. Re pondos ĉiam kaj tuj. Debreczen, Zöldfa u. 6, Hungarujo. — 152. F no Zarzosa, Bilbao, Hispanujo, F del Campo 3. [2]) — 153. S-ro Franz Gründler, Augsburg, Deutsche Bank, Germanujo [2]). — 154. S-ro Oskaro Ziegler, Leipzig, Kaiser Wilhelmstrasse 15, Germanujo [1]) [2]). — 155. S- o Roman H. Kaminski, juri to, Kolomea, Galicio.[2]) — 156. S-ro Aleksandro Vlasov, Peterburgo, Licejskaja 22, Rusujo kv 5. — 157. S-ro Borbély Jenö, deziras korespondadi per. il. poŝtkartoj kun bohemaj geesperantistoj. Li respondos tuj. Debreczen, Battyany u. 12, Hungarujo. — 158. S-ro M. Milkowitz, Görlitz, Struvestr. 26, Germanujo [2].) — 156. R. Rottmann, Stendal, Schönbeckstr. 15, Germanujo [2]). — 159. R. Heintze, Augsburg, Singerstr. 14 /₂, Germanujo. — 160. S-ro Rafael Guillerna, Bilbao, Vizcaya Ascao 24, 2o. Hispanujo. — 161. S-ro Peter Becker, Mainz a. Rh., Holzstr. 10, Germanujo [2]). — 162. Hans v. Lucrwaldt, stud. gimn., Trofaiach Ober Steier, Austrujo [1]) [2]). Respondas ĉiam kaj tuj. — 163. Fino Klara Mehr, Zablatów (Austrio-Galicio [2]). Kun bohemaj geesperantistoj. — 164. S-ro Wm. Brown »Mayfield«, Chorley, Anglujo [2]). — 165 S-ro Otto Sengewald en Hirschfelde, Sa, Germanujo. — 166. B. Poelder, Osnabrück, Osnigstrasse 8 - II Germanujo. — 167. S-ro Jean Renand, Cancon, France (hot et Garonne) [1])[2]). — 168. S-ro L. Buison, komponisto, Chalon-sur-Saone 21, Avenue Boucicaut a [2]) (marko sur la bildo) [3]) gazetojn. Ĉiam kaj tuj respondos. — 169. Kiel-a Grupo Esperantista per adr. stud. R. Wohlstadt. Kiel, Wrangelstrato 45 anoj de tiu ĉi grupo deziras korespondadi kun bohemaj esperantistoj. — 170. S-ro Johannes Aage Jörgensen, Ringe, St. Fyn, Danemark.

# PRI LA SOCIALISMO.

La II. ĉapitro de la verko *»Ideály humanitní«* (Idealoj de la humaneco, 1901) de prof. dr. *T. G. Masaryk*. Kun la permeso de l'aŭtoro el la bohema lingvo tradukis *H. K. Bouška*.

La socialisma movado en siaj finaj celoj estas nenio alia ol unu el multenombraj humanecaj movadoj. La vorto socialismo signifas preskaŭ: la unuigado, asociigado, la pli intima kunigado de la homoj. En la fino de la lasta, XVIII., jarcento, estis proklamitaj l a h o m a j r a j t o j. Tiam en la nomo de tiuj ĉi homaj rajtoj estis proklamitaj kaj postulitaj, kaj ĝis nun estas proklamataj kaj postulataj la libereco, egaleco, frateco. La frateco — tiu ĉi humaneca kaj sociala postulo, estas fundamento de la socialismo. Sed la frateco, homeco povas esti komprenata malsame kaj diversmaniere. Precipe multaj homoj kontentiĝas sole per devizo, kiel oni diras, per la humaneco in abstracto. Sed la afero estas, esti mem homo kaj rigardi la proksimulon kiel homon en la rajtoj. Kaj tial oni postulis kaj postulas en la nomo de la humaneco la politikajn rajtojn. Ekzemple la motivo, pravigo de la universala balotrajto estas finvice la homeco, la egaleco de unu homo kun la alia. Kaj oni postulas ne sole politikajn rajtojn, sed ankaŭ ekonomiajn, kaj tio estas precipa signifo de la lastatempa sociala movado. Laŭ la ideo pri la frateco kaj egaleco oni ne postulas la egalecon ĝenerale, sed la ekonomian. Tiamaniere sur fundamento de la humaneca ideo, kiam ĉi tiu ideo devas praktike korpiĝadi kaj ne resti sole abstrakta, oni postulas la ekonomian egalecon — la fratecon, ĝi signifas: komunismon. Tian ideon pri la humaneco havas la socialistoj de ĉiuj skoloj. Estas kompreneble, ke ĉi tiu humaneca ideo kaj sekve ankaŭ komunisma humanismo ŝanĝiĝas dum la daŭro de la tempo. Ankaŭ la komunismo povas esti komprenata kaj praktikata diversmaniere. Kio la socialismo estas hodiaŭ, tio ĝi ne estis antaŭ kvindek aŭ pli da jaroj. La malpli nova socialismo, kiel ĝi komencas precipe en la pasinta, XIX., jarcento en Francujo kaj Anglujo, estis prefere morala, kaj rekte religia, kaj ekzistas ĝis nun sufiĉe da tia socialismo (l a k r i s t a n a s o c i a l i s m o aŭ l a k r i s t a n a d e m o k r a t i o, laŭ la dekreto de Leo XIII.). Sed

apud kaj post ĉi tia socialismo devenas ĉiam pli ekonomia kaj politika movado, kaj ĝia tipa reprezentaĵo estas hodiaŭ en ĉiuj civilizitaj kaj ekonomie progresintaj landoj la marksismo aŭ sociala-demokratio.

Tiun ĉi socialismon fondis ĉefe *Marx* kaj *Engels*. Ĝi havas sian filozofian originon en la sistemo de Hegel. En la tridekaj kaj kvardekaj jaroj la filozofio de Hegel havis grandegan influon je pli junaj spiritoj. El tiu ĉi filozofio eliris precipe *Feuerbach*, kiu formulis la humanecan idealon sur fundamento religia, sed lia religio estis jam la religio de la humaneco. El tiu ĉi humanismo de Feuerbach, humanismo mi ne volas diri materialisma, sed tre proksima al la materialismo eliras Marx kaj Engels. En sia verko »Pri la sankta familio« la ambaŭ aliĝas al la »reala« humanismo. Per la vorto »reala« ili signas la humanismon neutopian. La esenco de la filozofio de Hegel estis la panteismo, instruo, ke la individuo, eventuale la nacioj, la tuta homaro kaj la naturo, ĉio kune estas dio, diaĵo. El tiu ĉi metafizika panteismo fariĝis ĉe Feuerbach kaj radikalaj Hegelanoj la humanisma panteismo, la homo fariĝis dio. La idealon, kiun la kristanoj serĉas en dio, ili vidis en la homo. La homo fariĝas dio; sed eĉ tiu ĉi dio ne sufiĉis al la pli praktikaj socialistoj Marx kaj Engels. Ili faris el la homo la proletarion. Per tiu ĉi procedo de la panteismo trans la homo la proletario kaj ĉefe la proletariaro fariĝis tio, kio, mallonge dirite, estas dio por la kredanta kristano. (Daŭrigo.)

# RAPORTOJ KAJ NOTIZOJ.

**La forto.** La forto estas entuziasma, sed ĝi ne estas freneza; ĝi vivas per aŭtodisciplino, ĝi ne estas nesaĝa, ĝi kreskas kun la sana homo; ĝi ne estas vantema, sed memkonscia; ĝi estas modera, sed energia; ĝi ne parolas pri la sentoj, sed ĝi vivas per ili; ĝi ne serĉas laŭdon, ĝi estas simpla; ĝi ne serĉas favoron, sed ĝi estas justa; ĝi estas konvinkebla, sed ne koruptebla; oni povas ĝin persvadi, sed ne devigi; ĝi estas honesta, ĝi ne estas neprudenta; ĝi povas erari, sed ĝi ne estas trompema; ĝi serĉas honoron, ne gloron; ĝi estas pacema, sed konsekvenca; ĝi batalas, sed ne ribelas; ĝi serĉas la rajton, sed ĝi ne cedas; ĝi estas senekscita, sed meditema; ĝi ne juĝas facilanime, ĝi prokrastas la opinion, sed ĝi persistas je ĝi; ĝi ne rigardas la dirojn de la homoj, sed la voĉon de la konscienco; ĝi ne perfidas, se ĝi devas iri kurban vojon; ĝi neniam perfidas la voĉon de la sango, ĝi estas la sano; ĝi ne kredas pli al la malamikoj ol la amikoj, ĝi estas singardema rilate la unuajn, ĝi iufoje esploras la aliajn. (Almanach Národních listů). *Prokop Haškovec - Bšk.*

**Heroo de nia tempo** *(Aforismo).* Heroo de nia tempo! Vane mi serĉis modelon por heroeca vivo de la nuna homo. Iri en sanktan landon batali

kontraŭ Saracenoj? Ataki komercistojn kaj mortigadi herezulojn? En Kalifornio serĉi oron? Starigadi barikadojn kaj elmetadi bruston kontraŭ bajonetojn? Kiel la plej grandan heroaĵon de mia vivo mi rigardas regule kaj honeste respondadi sole dum unu semajno la leterojn al (konataj kaj nekonataj) homoj, kiuj bezonas miajn servojn. (Neznámý: Kdybych byl spisovatelem...)
Trad. *Hkb.*

**Ne diru malbonon pri la mortinto!** (*Aforismo*). De mortuis nihil nisi bene — pri la mortintoj parolu sole bone!... Mi ne scias, kial tia abomena respekto. Ke oni parolu bone pri ni post la morto, tio estas en la povo de ĉiu. Sed la malbonuloj pekas konfidante, ke post la morto oni senescepte parolas pri ĉiu bone. Jam por gardi sin kontraŭ tiaj friponoj oni devus forigi la nunan malbonan kutimon. Mi faras, kion mi povas, por ke oni povu post la morto paroli pri mi bone. Se mi scias, kio atendas min, kial mi ne farus almenaŭ provon pri tio? Mi ne volas ricevadi en la ĉerko donacojn kaj afablaĵojn de la malfidelaj homoj, kiujn mi en la vivo malŝate kontraŭstaris. Ili kunkalkulu severe ĉiujn miajn pekojn, malnoblaĵojn kaj mankojn, sed ili almenaŭ trovu inter ili mian monereton... Ĉu vi scias pri tio, kiel du animoj paŝis al la ĉielo kaj post ili unu multpekinta? Kaj la dipatrino aperas antaŭ la severaj ĉielaj juĝistoj dirante, ke tiu ĉi multpekinta animo iame almoze donis monereton... Se almenaŭ tia monereto estos trovita en la postlasaĵo de mia animo, kiam mi disiĝos kun la jena mondo! Tiam la resto estu lasita al sinjoro dio. (Neznámý: Kdybych byl spisovatelem... pĝ. 36—37.).
Trad *Hkb.*

**Ĉia progreso, ĉia evolucio** efektiviĝas sole kiel rezultato kaj sintezo de tiu dialektika procedo, kiu naskiĝas el kontrastroj, el liberigo kaj diferenco de l'opinio.
*M. a B. - Hkb.*

**Kalejdoskopo.** — *La personoj el la romano de Flaubert »Madame Bavary«* fakte vivis; iliaj veraj nomoj estas: geedzoj Bavary — gesinjoroj Delamar, Rodolphe — Campion (li pafmortigis sin sur Paris'a bulvardo post la reveno el Ameriko), Hommais — apotekisto Jouenne (li kaj lia filo estas jam mortintaj), Ivert — Thérain (li mortis tiujare), Felicité — s-ino Ménage (ŝi estis en servo ĉe Delamar jam de sia 16-a jaro kaj ŝi estas la sola, kiu ankoraŭ vivas). — *Dorian Grey*, pri kiu lia kunulo Wilde verkis sian faman romanon, mortis antaŭ nelonge en frenezulejo: lia vera nomo estis Lionel Forster. — *La plej glora magiara poeto* Petőfi havis la patron Serbon Petrovič kaj la patrinon Slovakinon Hrůzová. — *La nombro da loĝantoj en Aŭstrio* laŭ la lasta kalkulado (en la fino de la jaro 1910.) estas 28,567,898 personoj. — *La nombro da Germanoj en la bohema ĉefurbo Praha* laŭ la lasta statistiko (31. XII. 1910) estas 17. 987 (en 1900: 18. 258). — *La nombro da elmigrintoj el Aŭstrio* dum la jaroj 1900—1910 atingis la ciferon 1,114. 547!!!
*Nemo.*

# PROBLEMOJ KAJ OPINIOJ.

**Kritika esploro de la esperanta vortaro.** Estas neŝanĝebla fenomeno, ke multiĝas kaj multiĝos novaj esperanto-vortaroj, ke aperas kaj aperos vortaroj bonaj kaj malbonaj, ke la vortaroj enhavas kaj enhavos vortojn bezonajn kaj senbezonajn. Tiun fakton oni neniel povas forigi aŭ malebligi en tio helpos neniu cenzuro, neniuj protestoj, neniu kriado. Kun tiu ĉi realaĵo oni devas kalkuli kiel kun la fenomeno fakte donita. Sekve estas senbezone mediti, kiel ĝin forigi aŭ malebligi (precipe, se tiaj vortaroj jam estas tie ĉi), pli utile estas fari ion por malgrandigi la malbonajn sekvojn rezultantajn el tiu ĉi neŝanĝebla fenomeno, fari ion por forigi la naskitan ĥaoson, kiun oni prave, sed vane, bedaŭras. Tie ĉi helpos sole

la laboro: detale kaj kritike esplori ĉiun verkon aparte, esplori aparte unu vorton post la alia, kompari la vortojn inter si kaj kun la aliaj, senpasie montri pri ĉiu vorto aparte, ĉu kaj kial ĝi estas bona aŭ malbona, bezona aŭ senbezona, prezenti ĉiujn tiajn esplorojn al la publika kritiko, pridiskutigi ilin publike de kompetentaj laborantoj. Estas certe, ke multaj novaj vortoj estas bezonaj, kaj same, ke multaj, multegaj neologismoj estas senbezonaj; sed ne sufiĉas sole diri, ke oni povas aŭ nepovas anstataŭi neologismojn per la jam ekzistantaj vortoj, estas necese konkrete montri, kiu vorto kaj kial estas bezona aŭ senbezona, konkrete montri unuflanke, ke tiu aŭ alia ekzistanta vorto ne esprimas plene, precize kaj klare sian ideon, aliflanke, per kiu vorto tiu aŭ alia nelogismo estas precize anstataŭebla; precipe la definicioj de diskutataj vortoj ĉiam montrus la identecon aŭ diversecon de la vortoj kaj per tio ilian bezonon aŭ nebezonon. Per tia procedo klare montriĝus, kion bonan oni povas utiligi kaj kion malbonan oni povas forĵeti por ĉiam el la (nunaj kaj venontaj) vortaroj kaj libroj, tia procedo donus al la esperantista publiko ĝenerale kaj al la esp. aŭtoraro speciale almenaŭ iom firman gvidilon en la nuna ĥaoso. Se la kompetentaj personoj farus tiun ĉi laboron, se ili konkrete montrus, kiuj vortoj estas forĵetindaj, se la aŭtoroj kaj la tuta publiko vidus, kiujn vortojn ili devas eviti, se ili havus ne nepruvitajn aprobojn aŭ malaprobojn kun la karaktero de dekreto, sed motivitajn konsilojn sen karaktero de leĝo, certe la plejmulto da aŭtoroj kaj da publiko sekvus kaj obeus la konsilojn de kompetentuloj, ne uzus la vortojn, pri kiuj specialistoj pruvus, ke ili estas nerekomendindaj. Tiam ne povus ekzisti tia ĥaoso, kia ekzistas nun. Tiam la vortaristoj povus en siaj esperanto-naciaj vortaroj marki la vortojn post kritika esploro forĵetitajn kiel neuzindajn, kaj en siaj naci-esperantaj vortaroj tute neuzi tiajn vortojn, kaj la aŭtoroj kaj la publiko povus eviti la uzadon de la nerekomendindaj vortoj. Estas neeble (kaj nedezirinde) malpermesi, ke la aŭtoroj kreu neologismojn, se ili opinias tion necesa, sed estas eble kaj dezirinde) ĉiun neologismon kritike esplori kaj rekomendi aŭ nerekomendi ĝin kaj per tio faciligi aŭ bari al ĝi la vojon en la literaturon kaj praktikan uzadon. Ni opinias, ke tiu ĉi procedo estus la plej ĝusta vojo por forigi la uzadon (aŭ almenaŭ por ebligi la forigon de l' uzado) de la senbezonaj kaj nebonaj vortoj kaj por enkonduki necesajn kaj bonajn neologismojn. — Kun plezuro ni vidas, ke unu tia provo estas jam farata. S-o Boirac por helpi al la kritika esplorado de la esp. vortaro publikigas (Oficiala gazeto esp., n-o 30 k. sekv.) liston da radikoj troveblaj en kelkaj vortaroj aperintaj lastatempe aldonante al ĉiu vortaro sian rimarkon: se ĉiuj kompetentuloj partoprenos per siaj rimarkoj en tiu ĉi esplorado, oni povos baldaŭ havi ian direktilon almenaŭ en la (necesa) ĥaoso kaŭzita per ĝisnunaj vortaroj. Kompreneble: la entrepreno povas havi bonan rezultaton sole tiam, se multaj kaj kompetentaj laborantoj pridiskutos la »materialojn kaj rimarkojn« prezentitajn de s-o Boirac (estus dezirinde, ke la klarigoj de s-o B. estu iom pli detalaj kaj — precizaj, por ke oni havu ĉiam pli klaran kaj ĝustan ideon pri la signifo de ĉiu vorto priparolata). Sed estas grava problemo: ĉu ekzistas multaj laboremaj kaj laborantoj personoj inter la esperantista kompetentularo? Oni vidos. *Bšk.*

**Bohemo kaj boemo.** »Nova sento« (III, 23, 353) publikigas interesplenan rakonton titolitan: »Pri artista bohemaro«. Laŭ »Universala vortaro« de Zamenhof kaj la ĝenerala kutimo de l' esperantistoj, laŭ kiuj »bohemo« estas homo apartenanta al unu el la slavaj nacioj, al la bohema nacio, ŝajnus, ke la artikolo rakontas pri artistoj de la bohema nacio loĝanta en nordokcidentaj landoj de Aŭstrio, en Bohemujo, Moravio kaj Silezio. Sed la rakonto tuŝas la konatan klason de gaje, libere, senzorge, facilanime kaj aventureme (»cigane«) vivantaj artistoj, literaturistoj, studentoj

k. s., al kiuj Henri Murger donis (Scènes de la vie de Bohême, 1851) tipan kolektivan titolon »la bohême« (prononcu: la boem kun longa e; boheme: bohéma), kiu en la franca lingvo krom tio samtempe signifas: Bohemujo, Bohemino kaj — ciganino. Tiu ĉi egaleco en la franca lingvo estas neniom agrabla por la bohema nacio kaj ĝi ne estus agrabla por ni, Bohemoj, ankaŭ en esperanto. Tamen en esperanto oni povas tion eviti, se oni donos al la vorto »bohemo« sole unu signifon, nome lasante al ĝi la sencon de nacia nomo, kaj se por la aliaj sencoj de la franca vorto »la bohême« oni elektos aliajn vortojn. Fakte la esperanta vortaro donas al »bohemo« sole unu sencon kaj diferencigas du signifojn de la franca vorto »le bohême« per la vortoj »bohemo« kaj »cigano«. Same estas necese diferencigi la trian sencon de la vorto per la alia vorto. Kredeble sufiĉus akcepti la radikon »boem«, kiu tute respondas al la vorto »bohême« kiel la radiko »bohem«, la unua laŭ la prononco (fonetisme), la alia laŭ la skribmaniero (grafisme). Kompreneble oni devus ankaŭ decidi, ĉu »boemo« signifas personon aŭ aron da personoj, ĉar laŭ tio »la bohême« estus aŭ »boemo« aŭ »boemaro« (la personoj aŭ »boemanoj« aŭ »boemoj«; boheme: bohémové). Tiam por ĉiu senco de la franca vorto »bohême« ekzistus aparta vorto esp. (le Bohême: 1. Bohemo, 2. cigano; la Bohême: 1. Bohemujo, 2. Bohemino, 3. ciganino, 4. boemo aŭ boemaro) kaj estus malebligita en esp. malagrabla konfuzo ekzistanta en la franca lingvo. Ĉiuokaze la vorto »bohemo« devas en esp. havi sole kaj ekskluzive unu sencon, nome tiun de la nacio! Ni tion diras tute klare. *Bšk.*

**Idiotismo kaj idiomismo.** Multaj, eĉ la plej bonaj esperantistaj aŭtoroj (Dro Zamenhof, Dro Bein k. a.) ne zorgas pri la diferenco kaj diverssenco de la vortoj »idiotismo« kaj »idiomismo«, kvankam estas klare, ke la unua vorto devenas de la radiko »idiot« kaj signifas malspritan, malsaĝan esprimon, idiotaĵon, kaj la alia devenas de la radiko »idiom« kaj signifas nelogikan esprimon transprenitan el la alia idiomo, idiomaĵon. Ni atentigas pri tiu distingo, kiu estas logika kaj ekzistas en la naturaj lingvoj, kvankam oni ofte intermiksas ilin reciproke. *Bšk.*

**La logika bazo de vortfarado en esperanto** (Resumo de la samnoma broŝuro* de *Antido*). La vortfarado en esperanto estas fondita sur la logika kaj senpera konstruo de ĉiu aparta vorto kaj ne sur tiel nomitaj »reguloj de derivado«, kiuj alportus arbitrajn elementojn ĝenantajn por la skriba lingvo kaj malutilajn por la parolo. Por unuparte ne ŝparegi la sufiksojn tiom, ke la vortoj fariĝas nekompreneblaj, aŭ aliparte ne trouzi la sufiksojn tiom, ke la vortoj entenas ideojn ripetitajn aŭ neapartenantajn (fremdajn), oni devas apliki la du kontraŭstarantajn principojn: I. en la konstruon de la vorto oni devas enkonduki ĉiujn vortradikojn, sufiksojn, prefiksojn kaj finiĝon necesajn por esprimi klare kaj plene la ideon reprezentotan de tiu vorto (principo de neceso), II. oni devas kiel eble plej eviti plurfojan ripeton de la sama ideo en la sama vorto, kaj oni ne devas enkonduki en la novan vorton fremdajn ideojn ne entenatajn en la ideo esprimota (principo de sufiĉo). Tiuj ĉi du fundamentaj principoj estas aplikeblaj, se oni donas al la finiĝoj *-o, -a, -i, -e,* ne sole gramatikan rolon, sed ankaŭ difinitan logikan sencon, kaj se oni klasas sammaniere la vortradikojn kaj afiksojn. La finiĝoj enhavas ĉi tiujn ĝeneralajn sencojn: *-o* (substantiva) ento, ĉu viva (persono morala aŭ fizika), ĉu neviva (abstrakta aŭ materia), *-a* (adjektiva) — kvalito aŭ karaktero aŭ rilate al, *-i* (verba) — ago aŭ stato, *-e* (adverba) — maniero. La vortradikoj apart-

* *La logika bazo de vortfarado en esperanto* de *Antido*. Propono al la Akademio esperantista. Génève 1910. Universala Esperantia librejo (Génève, rue de la Bourse 10, Svisio). Pĝ. 12. Prezo 0·10 Sm.

nas laŭ sia gramatika karaktero (montrita en »U. v.« = »Universala vortaro«) al la samaj kvar klasoj: 1. substantivoj (grupo de vivaj entoj: abat, abel, agl,... ktp.; grupo de nevivaj entoj: abi, abomen, ablativ,... ktp.), 2. adjektivoj (-a, acid, afabl,...), 3. verboj (abon, aĉet, -ad,...), 4. adverboj, prepozicioj ktp. (adiaŭ, ajn, al,...). La afiksoj estas laŭ tio klaseblaj jene: 1. sufiksoj substantivaj aŭ kun ideo de viva ento (persono): -ul, -an, -estr, -id, -in, -ist, aŭ kun ideo de neviva ento (materia aŭ abstrakta): -aj, -ar, -ej, -er, -il, -ing, -uj; 2 suf. adjektivaj (kvalito aŭ karaktero): -ec, -aĉ, -ebl, -eg, -em, -et, -ind, -oz; 3. suf. verbaj (ago aŭ stato): -ad, -ig, -iĝ, -iz; 4. prefiksoj adverbaj (maniero): bo-, dis-, ek-, ge-, re-; inter la sufiksoj ekzistas kvar ĝeneralaj sufiksoj (-ul, -aĵ, -ec, -ad), kiuj kunrespondas precize al la kvar ĝeneralaj ideoj entenataj en la gramatikaj finiĝoj (-o, -a, -i) kaj enhavas sole ĝeneralajn ideojn, sed neniun specialan (la ceteraj sufiksoj estas specialaj); tiuj kvar ĝeneralaj ideoj (1. persono, 2. neviva ento, 3. kvalito aŭ karaktero, 4. ago aŭ stato) estas fiksitaj per klasado mem de la vortradikoj kaj specialaj sufiksoj en »U. v.« kaj ili estas simbole reprezenteblaj per la kvar ĝeneralaj sufiksoj (1. *-ul*, 2. *-aĵ*, 3. *-ec*, 4. *-ad*); laŭ tio respondas al si: *-o* ... *-ul*, *-aĵ*; *-a* ... *ec*; *-i* ... *-ad*. Sekve en ĉiu finiĝo, en ĉiu radikvorto kaj en ĉiu speciala sufikso oni devas atenti ne sole ĝian specialan sencon, sed ankaŭ la ĝeneralan ideon entenatan en ĝi; ekzemple la radiko *vidv* aŭ la sufiko *an* estas klasitaj en »U. v.« kiel substantivaj por personoj, ili do entenas en si mem la ĝeneralan ideon de viva ento (persono morala aŭ fizika) reprezenteblan per la sufikso *-ul*, la radiko *bros* (substantiva, grupo de nevivaj entoj) aŭ la sufikso *-il* enhavas la ĝeneralan ideon de neviva ento (morala aŭ fizika) reprezentebla per *-aĵ*; *avar* aŭ *em* (radikoj adjektivaj) entenas la ĝeneralan ideon de kvalito aŭ karaktero *-ec*, *seg* kaj *iĝ* (verbaj) la ideon *-ad* (ago aŭ stato), ktp.; laŭ tio la analizo de la vorto *sam-ide-an-in-o* estas reprezentebla per la simbolo: *-ec-aĵ-ul-ul-ul* (ĉar kunrespondas: sam ... -ec, ide ... -aĵ, an ... -ul, ktp). Tiu ĉi logika analizo de la vortoj ĉiam montras, ĉu la vorto enhavas ĉiujn elementojn necesajn por esprimi klare kaj plene la ideon reprezentotan de ĝi (laŭ la principo de neceso) aŭ ĉu la vorto enhavas elementojn superfluajn ripetantajn ideojn aŭ entenantajn fremdajn ideojn en la ideo esprimota (laŭ la principo de sufiĉo); ekzemple *homo vidva* estas *vidv-o* (-ul-ul), ne *vidv-ul-o* (-ul-ul-ul), ĉar substantiva radiko *vidv* enhavas en si mem la ĝeneralan ideon *-ul* kaj oni ne bezonas ĝin ripeti per la sufikso *-ul*; sed *homo avara* estas *avara-ul-o* (-ec-ul-ul), ne *avar-o* (-ec-ul), ĉar adjektiva radi o *avar* ne enhavas la ĝeneralan ideon *-ul* (ĝi enhavas la ideon *-ec*) kaj oni devas tiun ideon montri per la sufikso *-ul*; same oni devas diri *bros-o* (-aĵ-aĵ) kaj *seg-il-o* (-ad-aĵ-aĵ), ĉar (kiel oni vidas en la simbolo inter krampoj) *bros* (substantiva radiko) enhavas, sed *seg* (verba) ne enhavas la ĝeneralan ideon *-aĵ*; simile oni diras *rid-em-o* (-ad-ec-aĵ), sed ne *rid-em-ec-o* (-ad-ec-ec-aĵ), ĉar la sufikso *-em* jam entenas en si mem la adjektivan ideon *-ec*. La tuta logika konstruo de la vortoj en esperanto estas fondita sur tiu klasado de la vortradikoj, specialaj sufiksoj kaj finiĝoj laŭ la ĝeneralaj ideoj entenataj el ili (tiuj ĝeneralaj ideoj estas precize tiuj, kiujn la gramatiko rekonas kiel fundamentaj) kaj sur la konstanta uzado de la principoj de neceso kaj sufiĉo: oni aldonas sufikson al vorto sole, se tiu sufikso aldonas al la vorto novan, ĝeneralan aŭ specialan, ideon. *Resumis Hkb.*

**La neceso de du partioj.** »Valora, eĉ necesega estas por ni, havi progresemajn teoriistojn, sen kiuj la lingvo ŝtoniĝus; sed, same valore estas, havi samtempe konservativulojn, kiuj ne forgesas la modestan, popolamason kaj moderigas la ŝanĝofebron de la teoriistoj. Dank'al la kontraŭa agado de ambaŭ partioj, oni akiras saĝan egalpezon kaj progresas malrapide, sed prudente.« (Germana esperantisto). *J. Borel.*

**Pri la organizo de l' esperantistaj kongresoj** d-ro Zamenhof prezentis proponon al Konstanta komitato de la kongresoj, kies anoj principe aprobis ĝin. Pri la projekto oni definitive decidos per voĉdono en la sepa kongreso, sed jam por tiu ĉi kongreso oni preparos la elektadon de delegitoj laŭ la maniero montrita de la projekto. Tial ni sciigas la ĉefajn punktojn de tiu ĉi aldono al la regularo de l' universalaj kongresoj de esperanto. Partopreni en la kongreso kaj en ĝiaj diskutoj havas la rajton ĉiu esperantisto, sed voĉdoni povas sole la regule elektitaj delegitoj de esperantistaj grupoj kaj societoj; ĉiu delegito devas prezenti al la kongresa komitato rajtigan leteron de sia societo subskribitan de la prezidanto kaj de ne malpli ol 25 membroj; ĉiu societo povas elekti po unu delegito por ĉiuj 25 membroj, malgrandaj societoj aŭ izolitaj esperantistoj povas kuniĝi kun aliaj por elekto de delegito; ĉiu esperantisto havas la rajton doni sian subskribon sole por unu elekto; ĉiu societo povas elekti siajn delegitojn ĉu inter siaj membroj ĉu inter aliaj esperantistoj, kiuj partoprenos en la kongreso; ĉiu delegito havas tiom da voĉoj, kiomoble po 25 anoj havas la societoj, kiujn li reprezentas. Ni por tiu ĉi tempo sole raportas pri la projekto por informi niajn societojn; eble venos la tempo, kiam oni povos ĝin ankaŭ kritike pripároli. *Hkb.*

**Kritiko kaj interna ideo de esperantismo.** En la artikolo »Pli multe da sincera kritiko!« »Čas. čes. esp.« (V, 3) skribas: »Aperas nun la demando: ĉu konvenas, ke oni kritiku en Esperantistujo? Ni spertis, ke multaj samideanoj opinias, ke nek la faroj nek la verkoj de la aliaj samideanoj estas riproĉeblaj, eĉ se ili estas riproĉindaj. Tia malbona opinio povus esti por nia tuta laboro memvola mortigado, ĉar la plej senvaloraj verkoj, tolerataj sekve en nia literatura trezorejo, unuflanke venenus la lernantojn, aliflanke prezentus la plej taŭgan argumenton kontraŭ nia lingvo mem en la manoj de kritikemaj skeptikuloj. Kiel ni jam diris, ni prefere diru la krudan veron, eĉ se ĝi rilatas la amikon, kiu volis laŭ sia erara opinio, helpi esperanton, ol toleri, ke la esperanta literaturo fariĝu rubejo. Precipe estu tia devizo aplikata en la kritiko de lerniloj. Amu pli multe esperanton ol samideanon!« Nu, tio estas evidenta kaj estas malĝoje, se oni tion devas klarigi. Sed babilaĵo estas la daŭrigo: »Vi demandas eble, ĉu la ,interna ideo de esperantismo' permesas al ni tiel konduti. Eĉ se ĝi ne permesus tion, le simpla amo al vero kaj estimo de nia propra laboro ĝin ordonas. En tia okazo estas ĉiu almontrado je ,esperantismo' ridinda—infana«. Kaj jam antaŭe la aŭtoro diras: »Tia sincera kritiko estas pli laŭdinda, laŭ opinio de ĉiu amiko-esperantisto, ol hipokrita cito de la verko kun kelke da sengustaj frazoj diktataj de la amikeca, pacifisma ideo de esperantismo . . .«. Per tiaj sensencaĵoj povas senvalorigi la ideon de esperantismo sole homo, kiu ne havas senton kaj komprenon por tiu ideo. La humaneco, pacifismo, esperantismo ne signifas, aprobi ĉion bonan kaj malbonan, konsenti kun ĉio bela kaj malbela, subteni ĉion saĝan aŭ malsaĝan, ne kontraŭstari malbonon, malbelon, malsaĝon, malveron, ne kritiki severe (sed juste), ne polemiki, ne diskuti, kontraŭe la amo al la ideo de la humaneco, pacifismo, esperantismo ordonas kontraŭstari ĉiun malbonon jam en la embrio, ĝi sole postulas kontraŭstari, diskuti, kritiki, polemiki juste. Ni mem estas ardaj propagandantoj ae la l' interna ideo de esp. kaj tamen ni ne timas batali por tio, kion ni juĝas ĝusta kaj justa. Tial: ne babilu malsaĝaĵojn! *Bšk.*

**Pli multe da sincera kritiko!** vokas—horribile dictu! — »Čas. čes. esp.« (V., 3). Kun prava mirego mi legis tiun ĉi vokon kaj mi ne kredis al miaj okuloj. Homoj, kiuj ne permesas, ke iu en ilia ĉirkaŭaĵo povu ne sole fari kaj paroli, sed eĉ pensi kaj opinii alimaniere ol ili volas, homoj, kiuj ne toleras kiajn ajn kontraŭstaron aŭ kontraŭdiron eĉ kontraŭ la plej malsaĝaj aŭ malbonaj ideoj kaj faroj, homoj, kiuj proklamas

herezulo ĉiun homon, kiu ne konsentas kun iliaj ridindaj kaj malutilaj deziroj, homoj, kiuj sufokas ĉian kontraŭan opinion, kiuj eligas ĉiun, kiu ne volas fari, kion ili volas, homoj, kiuj pro sia maltoleremo, per sia kontraŭstaro al ĉia montro pri malsama opinio disigis la boheman esperantistaron, venenis la rilatojn inter ili, tiuj homoj vokas nun — pli multe da sincera kritiko! Ĉu tia vokado de tiaj homoj ne estas hipokriteco, komedio, demagogio, humbugo? Se tiu ĉi voko estus sincera, la vokantoj ne devus koleri, ke iu malkonsentas kun iliaj faroj, ne devus persekuti la homojn, kiuj ne volas ilin obei kaj precipe ili ne devus vidi la krimon en tio, se iu kritikas ilin, ili devus respekti ankaŭ la fremdajn opinion kaj volon! Ni volonte vidus, ke tiu ĉi voko estu sincera, sed laŭ nia sperto ni ne kredas tion. Por ni estas vera mistero, kial subite precize nun oni vokas la sinceran kritikon en la partio, kiu per la plej hontindaj rimedoj forte batalis kontraŭ ĉia kritiko. — Al tio, kion mi supre skribis antaŭ multaj tagoj, mi aldonas: Mi jam ne miregas. La mistero estas klarigita. So Kühnl devis postuli pli multe da sincera kritiko por povi en sia organo (Č. č. e. V., 4) malaprobi la lernolibron de s-o Kudrna, montri, ke ĝi estas malbonega, kaj ke la plej bona lernolibro estas tiu de s-o Kühnl. Jen la celo de la »sincera« kritiko! Sed, se iu sincere kritikos la — metodon de Kühnl. *Bšk.*

**Kiu falsis »Tutmondan jarlibron esperantistan«?** S-o Chavet asertas, ke li ne scias, kiu el la bohemaj esperantistoj sendis al li la »korektitan« presprovaĵon de la jarlibro; se li ne scias tion, li povas scii, al kiuj bohemaj esperantistoj li sendis la presprovaĵon por korekti. Ni petas publike s-on Chavet, ke li nomu la personojn, al kiuj li sendis la boheman parton de la jarlibro. Krom tio ni publike petas ĉiujn bohemajn esperantistojn, kiuj ricevis de »Centra oficejo« la presprovaĵon, sciigi al ni tion. Kiu ne faris korektojn aŭ elstrekojn aŭ kiu farinte korektojn aŭ elstrekojn pensas, ke li agis honeste, tiu certe povas publike tion proklami. Ni atendas, ke nia alvoko ne restos sen la respondo de almenaŭ tiuj personoj, kiuj havas puran konsciencon! *H. K. Bouška.*

## LIBROJ KAJ GAZETOJ.

**Bohema broŝuro pri „U. e. a."** *(Rudolf Fridrich: Esperantismus a jeho světová organisace Universala esperanto-asocio.)* Du niaj fervoraj kunlaborantoj, prof. dr. Stan Kamaryt en la artikolo »Organisace praktického užívání esperanta« (La organizo de praktika uzado de esp., »Boh. esp.« III, 133, 154) kaj prof. Rudolf Fridrich en la broŝuro »Esperantismus a jeho světová organisace Universala esperanto-asocio«. (La esperantismo kaj ĝia tutmonda organizaĵo U. e. a.) detale kaj bone klarigis al la bohemaj publiko kaj esperantistaro la gravan signifon kaj praktikan organizon de »Universala esperanto-asocio«. Prof. Fridrich sur 15 paĝoj de sia elegante eldonita broŝuro parolas pri la lingva problemo en la internacia vivo (pĝ. 1—5.), pri esperantismo kaj esperanto (5—7), pri la celo (8), organizo (8—11), servoj (11—14) kaj nuna stato (14) de la unuiĝo »U. e. a.«, li vokas al la esperantistaro (14), ke ĝi apogu sin per tiu ĉi organizaĵo, kaj donas dulingvan ekzercan tekston (15) kiel specimenon de esperanto. Bedaŭrinde li ne donis la adresojn de la bohemaj delegitoj, subdelegitoj kaj konsuloj, al kiuj la legantoj povus turni sin. La broŝuro estas verkita tre klare kaj konvinkoplene kaj ĝi certe gajnos multajn amikojn por la organizaĵo propagandata de l'estimata aŭtoro. Malgrandan rimarkon ni permesus al ni pri la traduko de la termino »distrikta organizo«; ĉu

ne estus pli taŭga kaj oportuna la traduko »krajská organisace« ol »organisace v oblastech«? *Hmd.*

**Ricevitaj verkoj** (la steleto * montras la verkojn, pri kiuj ni raportas aŭ raportos). — *Elementoj de la geometrio absoluta.* Verkis D-ro Cyrillo Vörös. Budapest 1911. Lud. Kókai, IV. Károly-utca 1. Prezo 2 Sm; pĝ. 106 (*). — La Biblio. Unua libro. *Genezo.* El la originalo trad. D-ro L. L. Zamenhof. Paris 1911. Librairie Hachette et Cie, bvd. St. Germain 79 (Kolekto de La Revuo). Prezo fr 2·00; pĝ. 120(*). — *En harmonio kun la eterneco.* De R. W. Trine. Tradukita de Fred. Skeel-Giörling. London 1911. G. Bell & Sons, LT 2, Portugal street, Kingsway; prezo 6 D (bindita), pĝ. 120 (*). — Paul Spaak. *Kaatje.* Kvarakta teatraĵo esperantigita de D-ro W. Van der Biest. Antaŭparolo de Em. Verhaeren. Paris 1911. Hachette et Cie (Kolekto de La Revuo). Prezo fr. 2·50; pĝ. 111 (*). — P. Mérimée. *Karmen.* El la franca trad. Sam. Meyer. Paris 1911. Hachette et Cie (Kolekto de La Revuo). Prezo fr. 1·25; pĝ. 56 (*). — *Formortinta Delsuno* rakontita de li mem. Flandre verkis René Vermandere. Esperantigis Oscar Van Schoor. Antwerpen 1910. Centra esp. belga oficejo, Vondelstrato 20; prezo? pĝ. 118 (*). — *Teoria ekzameno de la lingvo esperanto.* Sistemo Antido 2. Genève 1910. Kündig, Gorraterie 11. Prezo Sm. 1·00; pĝ. 124 (*). — *Resumo de la teorio de Antido.* Genève 1910. Universala esperantia librejo, rue de la Bourse 10. Prezo Sm. 0·24; pĝ. 53 (*). — Em. Boirac. *Fundamentaj principoj de la vortaro esperanta.* Paris 1911. Hachette et Cie (Kolekto de La Revuo). Prezo fr. 0·50; pĝ. 30 (*) — Dekspesdeka biblioteko esperantista Nro. 2. *Propraj nomoj en esperanto.* De prof. P. Christaller. Leipzig. Esp. propaganda instituto. Prezo Sm 0·10; pĝ; 16 (*). — Esperantista dokumentaro 16. l. A. 7. *Sesa universala kongreso de esperanto.* Paris 1910. Esp. centra oficejo, rue de Clichy 51. Prezo 1 fr.; pĝ. 72 (*). — Esperanta biblioteko internacia 16. *Komerca korespondo.* Kunmetis J. Borel. Berlin. Verlag Möller & Borel. Prezo Sm 0·10; pĝ 46 (*). — Esp. bibl. intern. 17. *Konsiloj pri higieno* de R. Stolle. Trad. J. Borel. Berlin. Möller & Borel; Prezo Sm. 0·10; pĝ. 42 (*). — Rusa biblioteko 2. *Du rakontoj* de A. Ĉeĥov. Trad. B. Kotzin. Moskva 1911. Librejo »Esperanto«, Tverskaja 26. Prezo Sm 0·10; pĝ. 30 (*). Malgranda biblioteko 1 *Trezoro de la Rajaho, Poemoj, Humoraĵoj.* Eldonaĵo de »Hungara studento«. Prezo Sm 0·15; pĝ. 30. — Esperanta Universal-biblioteko 1. *Ben-Tovit.* Rakonto de Leonido Andreev. Trad. D-ro A. Fiŝer. Riga. »Riga stelo«. Prezo Sm 0·10; pĝ. 9 (malgranda rakonto pri Jerusalem'a komercisto, kiu konsciis pli sian suferon de dentdoloro ol tiun de Kristo sur la kruco). — La »Verd-Stelo« Serio, N-ro 4. *Konkordanco al la Krestomatio.* l. La participoj. Verkita de J. C. O' Connor kaj C. F. Hayes. London, Pionira librejo esp., SW. Sellincourt road 135. Prezo Sm 0·13; pĝ. 21 (la broŝureto montras ĉiun lokon en Krestomatio, kie estas uzita participo). — Em. Boirac. *Le problème de la langue internationale.* El »La Revue pédagogique« (15. l. 1911). Paris 1911. Esp. centra oficejo. Prezo fr. 0·25; pĝ. 16 (*). — *Esperantismus a jeho světová organisace Universala esperanto-asocio.* — Napsal Rud. Fridrich. Prostějov. »Klub esp. v Prostějově«. Prezo K 0·10 (10 ekz. K 0·80, 20 ekz. K 1·50); pĝ. 15 (*). — *Methodisches Lehrbuch der internationalen Hilfssprache esperanto...* Von Johann Schröder. Zweite Auflage. Wien und Leipzig. A. Hartleben's Verlag (Bibliotek der Sprachkünde 88); prezo M 2·00 (bindita); pĝ. 177 (*). — Camille Aymonier, E. Grosjean-Maupin. *Cours methodique d' espéranto.* Corrigé des thèmes. Paris 1910. Hachette (Kolekto de La Revuo). Prezo fr. 1·20; pĝ. 92 (tradukoj de la lecionoj el la lernolibro, kiun ni ne ricevis; sekve estas senutile raporti pri tiu ĉi sola aldono, se oni ne havas eblon recenzi la ĉefan verkon). — *Dictionnaire usuel esperanto-français* par E. Grosjean-Maupin. Paris 1911. Hachette et

Cie (Kolekto de La Revuo). Prezo fr. 1·00 (bindita); pĝ. 144 (*). — *Ključ Esperanta.* Sarajevo 1911. »Društvo b. h. esperantistů La stelo Bosnia«. Prezo 5 h; pĝ. 28 (kroata Ĉefeĉ-ŝlosilo). — *Esperanta gvidlibro tra Bosnio kaj Hercegovino.* Sarajevo 1911. »La stelo Bosnia«. Prezo K 0·40 (du respondkuponoj); pĝ. 34 (*). — *Taglibro de l' Barono Hans von Grotewill.* Notoj pri l' internacia ekspozicio por vojaĝo kaj turismo. Verkis F. Freund. Trad. A. Behrendt; prezo Mk. 25 (1 respondkupono), pĝ. 32 (broŝuro pri tiujara ekspozicio en Berlin). — *Internacia higiena ekspozicio en Dresden 1911.* Prezo: unu respondkupono, pĝ. 24 (*). — Konkurso. *Kia estas la logika senco de la vorto »grando«?* (senpaga flugfolio ricevebla de s-o prof. R. de Saussure, Genève, rue de la Bourse 10). — *La enamiĝo de nacioj*: Artikoletoj de ĉiaj esp. Prezo 2 sd.; pĝ. 16. — *Gvidfolio tra Paris* eldonita de »Verda stelo«. Prezo fr. 0·10. — *Oficiala jarlibro de U. e. a.* 1. aldono (ŝanĝoj kaj aldonoj en la jarlibro, kiun ni ne ricevis kaj sekve ne povas recenzi). — 2. *kongreso de U. a. e.* (prospekto). — 2. *internacia kongreso de la katolikoj* (prospekto). — *Aldono al teorio de Antido.* — *Letero de »Bureau of Standards« al prof. Ostwald.* — *Instruado de esperanto* (diplomo). — *Katalogo de Moskva'a librejo »Esperanto«.* — *Tradukoj de la kantoj* eldonitaj de Higgie et Cie, Printers, Rothesay, Scotland. *Rd.*

**Ricevitaj gazetoj.** — *Oficiala gazeto esperantista* (III, 7, 8, 9, 10): Prepozicioj. Nomaro de l'anoj de L. k. Kongreso de rasoj. Zamenhof k. Hachette. Tabelo de respondoj de Z. Materialoj por la vortaro. Organizo de la kongresoj. Participo-substantivo. Nomoj de landoj. Okupita, okupata. Daŭri, ĉesi. Novaj radikoj juraj. Kaj. Internacieco de la vortaro. Akademio pri la propono de Antido. — *La Revuo* (V, 6, 7, 8): Internacia geedziĝo. Ch. Méray. La angla lingvo kiel la internacia. Juĝado en Aŭstrio. — *Lingvo internacia* (XVI, 1, 2, 3, 4). Malsano de Goethe (L. W. Cart). Scienco kaj kredo (F. Dantec). — *Esperanto* (VI, 92, 93, 94, 95, 96, 97, 98, 99, 100): Fakaj organizaĵoj. Tro da gazetoj. Internacieco kaj patriotismo. Pri nia gazetaro. Gazetaro kaj lingvo. La Panama kanalo. Zamenhof, esperanto — edukiloj. »Après moi«. Monda petskribo por la paco. Kongreso de rasoj. Alkoholo k. krimo. Tro da lingvistiko! Parlamentaj promesoj kaj agoj. La vivo en haremo. — *La Simbolo* (II, 11, 12): Universala frateco. La Fantomo (Dr. Lidovec). Lincoln k. Zamenhof. — *Danubo* (I, 4, 5, 6, 7): La legantino (Svačina). Pri la disvolviĝo de esp. dum 24 jaroj (L. E. Meier). Pri nia propagando. — *La Esperantisto* (III, 1). — *La Marto* (I, 3, 4). — *Monato* (II, 2, 3) — *La Informanto* (A 3, B 3, C 1). — *Nova sento* (III, 21. 22, 23, sen 20!): Asketismo. Uzo de esp. por konigi naciajn literaturojn. Pri artista bohemaro. — *La Spritulo* (III, 7) — *Oficiala bulteno de U. e. a.* (10). — *Internacia socia revuo* (V, 2, 3, 4, 5): Parolo inter filo kaj patro (L. Tolstoj). — *Libera penso* (3-4, 5-6, 7-8): Virto (Voltaire). — *Voĉo de kuracistoj* (IV, 2, 3, 4, 6): Partopreno de kuracistoj en dueloj. — *Gabelsb rger* (I, 2, 3, 4) — *Juna esperantisto* (IX, 2, 3, 4, 5). — *Juneco* (II, 3, 4, 5). — *Laborista esperantisto* (I, 5, 6, 7, 8): Pri la gazetaro. — *Gestudentaj interesoj* (II, 1). Pri edukado. — *Hungara studento* (II, 1, 2, 3). — *The British esperantist* (VII, 74, 75, 76, 77): La Boksisto (Sieroszewski). La homaro interkonsiliĝas. Utileco de la korespondado internacia. Morala respondeco. Ni vivu esperanton! La kantlingvo de la mondo. — *Germana esperantisto* (VIII, 2, 3, 4, 5): Historia vero. La kriterio de l'utopio. Antaŭdiro. Pri vortaroj. Esp. statistiko. — *Rund um die Welt* (II, 2, 3, 4, 5): Wissenschaft u. esp. Esp. u. ido. Weltfrieden u. esp. Techn. Wörterbuch. Organizo de l'inteligentularo. Medizin u. esp. Parlamentaj esprimoj. — *German-aŭstria esperantisto* (V, 1, 2, 3): Das Wesen der Esp. Verkehrssprache der Zukunft. Unu komunan organon por la aŭstriaj esperantistoj. 10 konsiloj al esp. tradukantoj (El »R. i.« laŭ »Č. e.«). — *Eĥo esperantista* (VI, 56, 57, 58, 59): Esp.

k. ido. Esp. u. Luftschiffahrt. — *Mitteilungen* (I, 1, 4). — *Franca esperantisto* (III, 2, 3, 4, 5): Histoire de l'esp. en France. L'esp. et le parlament. La crise du français. Esp. kaj la reformantoj. — *Le Monde espérantiste* (IV, 1, 2, 3, 4): Klerigado de la laboristoj. Ĉu ni? Sherlock Holmes. Por la lingva unueco. Malĝojigaj konstatoj. L'eminentulisme. Al la ŝovinistoj! Pri recenzoj. Pri sindikalismo. — *Belga esperantisto* (III, 4, 5, 6, 7): Io por gramatiko. — *Paris-esperanto* (V, 44, 45, 46, 47, 48): Por la propagandistoj. — *Ardena stelo* (II, 4), — *La Dek-sepa* (I, 3, 4, 5, 6). — *Bulletin officiel* (11, 13, 14). — *Dana esperantisto* (IV, 1): In memoriam de Fred. Skeel-Giörling (Krumpholc). — *La Holanda p'oniro* (III, 5, 6, 7, 8). — *Helpa lingvo* — (I, 2, 3). — *Esperanto-Folket* (I, 2). — *Kataluna esperantisto* (I, 9, 10, 14). — *Gazeto Andaluzia* (I, 1). — *Itala esperantisto* (I, 3-4). — *La Ondo de esperanto* (II, 12; III, 1, 2, 3, 4): Vizito ĉe d-ro Zamenhof. Praktika plano. — *Riga stelo* (I, 2): Pri evoluado de esp. — *Serba esperantisto* (3, 4). — *La Verda standardo* (VI, 1, 2, 3). — *Greklingva esperantisto* (II, 8-9; III, 1-2, 3): Leĝo n-o 2342. Inicilo matematika (el. »Boh. esp.«). — *Esperanta penso* (I, 1, 2). — *Antaŭen esperantistoj!!* (VII, 9, 10, 11, 12), — *Brazila esperantisto* (III, 7-8). — *Cuba esperantista* (I, 3). — *Kolumbia stelo* (II, 1). — *Linguo internaciona* (I, 4): V zájmu pravdy. — *Discussiones* (II, 1): Antido. *Rd.*

# DIVERSAJ KOMUNIKOJ.

**Pri l' elekto de la delegitoj al la sepa kongreso esperantista.** Ĉiu esperantista asocio, societo, klubo, grupo k. s., kiu volas esti oficiale reprezentata en la sepa kongreso esp. (vidu la notizon »Pri l' organizo de la kongresoj«), tuj elektu ĉu inter siaj membroj ĉu inter la aliaj esperantistoj, kiuj partoprenos en la kongreso, sian delegiton aŭ siajn delegitojn (ĉiu organizaĵo povas elekti tiom da delegitoj, kiomble ĝi havas 25 anojn; la grupoj kun malpli da anoj povas laŭvole grupiĝi por elekti unu komunan delegiton) kaj tuj sendu al »Konstanta komitato de la kongresoj« (adreso: Paris, Francujo, rue de Clichy 51, Centra oficejo) la rajtigan leteron aŭ rajtigajn leterojn, ĉiun subskribitan de almenaŭ 25 anoj pagintaj (laŭ la morala respondeco de la prezidanto) kotizaĵon (ĉiu povas subskribi sole unu rajtigan leteron)! La enhavo de la rajtiga letero estu: 1. plena nomo de la societo, 2. nomo de l'asocio, kies filio la societo estas, 3. dato de la fondo, 4. adreso de la societa sidejo, 4. nomo kaj adreso de la prezidanto, 5. adreso de la sekretario, 6. nomoj kaj adresoj de l'elektitaj delegitoj, 7. subskriboj de membroj, 8. atesto de la preziadnto aŭ sekretario, ke la subskribintoj estas membroj de la societo, 9. dato, 10. stampo. Faru tion tuj! *O. S.*

**Literaturaj konkursoj okaze de la sepa kongreso esperantista.** Okaze de la sepa internacia kongreso de esperanto (Antwerpen, 20—27. aŭg. 1911) estas aranĝitaj kelkaj literaturaj konkursoj, en kiuj povas partopreni ĉiu esperantisto. La temoj kaj premioj estas: Historio de esperanto en amplekso de 20 paĝoj de »Belga esp.« (premioj: 40 Sm, 20 Sm); 2. Originala novelo, 12 pĝ. de »Bg.e.« (20 Sm); 3. Pri la utilo de esp. por la komerco, kiel enkonduki la uzadon de nia lingvo en la komercajn rilatojn, 5 pĝ. de »Bg.e.« (Sm); 4. Pri la utilo de esp. por la laboristoj, kiel enkonduki nian lingvon en la laboristaron (20 Sm); 5. La malnova flandra pentrista skolo (12 Sm); 6. Plej taŭga procedo kaj plej efikaj rimedoj uzotaj de la esperantistoj kaj speciale de la internaciaj kongresoj, por atingi de ĉiuj registaroj la oficialan starigon de la deviga instruado de esperanto en la duagradaj lernejoj (40 Sm); 7. Verku efikan

broŝuron pri la utilo kaj la agado de la Tutmonda esperanto-anonc-ekspedo, kun modelaj ekzemploj pri la plej bona uzo de la T. e. a. -laborfakoj, 7 pĝ, monoformataj (10 Sm); 8. Pri la batalo por la akiro de la lingvaj rajtoj en malgranda lando, ekz. Bohemujo, Kroatujo, Flandro aŭ alia, 5 pĝ de »Bg. e.« (12 Sm); 9. Libera penso en la moderna literaturo (10 Sm); 11. Soneto, temo laŭvola (5 Sm); 11. Originala studo pri historio, literaturo aŭ arto, 25 pĝ. de »La Revuo« (40Sm, 20 Sm); 12. Kvarversaĵo, temo laŭvola (20 Sm); 13. La plej taŭga, konciza klarigo de la esencoj de ĉekoj kaj transpagiloj kaj ilia tasko kaj utilo en komerca pagado (25 Sm); 14. Rakonto, novelo, versaĵo pri kiu ajn temo verkita de persono malpli ol 20 jara (arta objekto); 15. Rolo de la virinoj en la esp. movado, plej taŭgaj rimedoj por enkonduki esp. en la internaciajn virinajn instituciojn (12 Sm); 16. Humora rakonto, en kiu esp. ludas rolon, 1 pĝ, de »La Movado« (arta objekto); 17. Utilo kaj praktikaj profitoj de esp. por aviadistoj (40 Sm). Kondiĉoj: la manuskriptoj ne estu skribitaj de l' aŭtoro mem, estu sen subskribo, portu devizon, venu antaŭ la 1. de julio 1911; oni aldonu fermitan koverton, sur kiu ekstere estu la devizo de la verko kaj en kiu interne estu la adreso de l' aŭtoro; oni adresu la sendaĵon al D-ro W. Van der Biest, Anwerpen (Belgio), Minderbroedersrui 76. Kiom da bohemaj esperantistoj partoprenos? *O. S.*

**Internacia diplomo per lernantoj.** Por la instruantoj pri esperanto, kiuj volas atesti al iu el siaj lernantoj la elementajn sciojn pri esperanto »Societo franca por la propagando de esperanto« (Société française pour la propagation de l'espéranto, Paris, rue Lacipéde 33, Francujo) eldonis belan, grandformatan 34 × 44 cm, ĝenerale uzeblan diplomon, kiun ĝi vendas po 6 Sd (1 ekz. Sm 0·06, 4 ekz. Sm 0·20, 10 ekz. Sm 0·40, antaŭe senditaj. *Nemo.*

**Pri l'internacia higiena ekspozicio en Dresden** (majo—oktobro 1911), kiu oficiale akceptis la uzadon de esp. (vidu »Boh. esp.« V., 3, 42), estis eldonita bela esperanta broŝuro kun detala priskribo kaj multaj ilustraĵoj. Tiun ĉi broŝuron senpage ricevos ĉiu nia leganto, kiu sendos unu internacian respondkuponon al D-ro Schramm (Dresden 20, Germanujo). Citu man revuon. *N mo.*

**Gramatiko de esperanto sur ok tabeloj** *(Ph. Dr. A. Möbusz: Demonstraciaj tabeloj pri la konstruo de esperanto).* Dr. Möbusz aranĝis ok granformatajn (80 × 106 cm.) diklitere presitajn tabelojn, sur kiuj li simnoptike kaj laŭ didaktikaj vidpunktoj prezentis la gramatikon kaj vortfaradon de esperanto. La materialo de liaj »Demonstraciaj tabeloj« estas jene aranĝita: I. literoj, II. deklinacio, III. numeraloj, IV. formaj vortoj, V. ĉefaj formoj de la konjugacio, VI. verbaj formoj laŭ latina skemo, VII. prefiksoj kaj sufiksoj, VIII. prova teksto. La tabeloj estas praktika helpilo por la propagandaj paroladoj kaj instruaj kursoj pri esp., en kiuj oni povas seu skribado montri al la aŭdantaro la tutan gramatikan materialon de esperanto. La tabeloj estas aĉetablaj aŭ ĉiuj kune aŭ ĉiu aparte. *Hkb.*

**„Discussiones"** (adr.: prof. Peano, Cavoretto Torino, Italujo; jara abonprezo 10 fr.) estas organo de »Akademia pro interlingua« direktata de la konata itala sciencisto G. Peano, profesoro de l'universitato en Torino. La akademio ekzistas jam 24 jarojn, la revuo eliras la duan jaron. En la unua numero de la dua jarkolekto (25. II. 1911) estas klarigita »Lingua de Academia«, estas tie »Resolusioni fasied per Akademi international de lingu universal«, »Vocabulario de Akademia«, sekve artikoloj, el kiuj estas eble konatiĝi kun la sendanĝera »konkuranto«. *Nemo.*

Zodpovědný redaktor H. K. Bouška. — Nakladatel Jan Iglauer. — Tisk »Politiky« v Praze.

# LA REVUO DE L'ESPERANTISTA GAZETARO.

Nomaro de ĉiuj esperantistaj gazetoj. Adresaro de la gazetoj ricevataj de la redakcio de »Bohema esperantisto«. (R = redakcio, A = administracio, Mon = monata, prezo por la tuta jaro.) Redaktis *Hmd.*

**Esperantaj gazetoj.** — *Oficiala gazeto esperantista.* R & A: Paris (Francujo), rue de Clichy 51. Mon. Sm 1·90. — *Lingvo internacia.* R & A: Paris (Francujo), rue Lacépède 33. Mon. Sm 2·00. — *La Revuo.* R & A: Paris (Francujo), bvd. St. Germain 79 (Hachette et Cie). Mon. Sm 2·38. — *Esperanto.* R & A: Genève (Svisio), rue de la Bourse 10. Duonmon. Sm 2·00. — *La Simbolo.* R & A: Tacoma (Wash., Usono), Post Office Box1020 (Symbol Publishing Co). Mon. Sm 2·50. — *Danubo.* R & A: Bucuresti (Rumanujo), str. J. C. Bratianu 5. Mon. Sm 1·40. — *La Esperantisto.* R & A: Leipzig (Germanujo), Kochstr. 61. Mon. Sm 0·74. — *La Marto.* R & A: Graz I (Stirio-Aŭstrio), Burgring 12. Mon. Sm 2·50. — *Monato.* R & A: Leipzig (Germanujo), Aŭgustenstr. 17 (Eldonejo Esperanto). Mon. Sm 2·00, — *La Spritulo.* R & A: Dresden-Blasewitz (Germanujo) Tolkenwitzerstr 20. Mon. Sm 1·20. — *Internacia socia revuo.* R & A: Haag, 's Gravenhage (Nederlando), Weinmastraat 225. (J. L. Bruijn). Mon. Sm 1·40. — *Bulteno de Libera penso.* R: Sens (Francujo), R. Deshays. A: Antwerpen (Belgio), Kl. Beestr. 45. Mon. Sm 1·00. — *Juna esperantisto.* R & A: Paris (Francujo), rue Lacépède 33. Mon. Sm 1·00. — *Internacia pedagogia revuo.* R & A: Bystřice-Hostýn (Moravio-Aŭstrio), Komenského (Th. Čejka). Kvaronjara. Sm 2·00. — *Internacia medicino.* R & A: Dresden-Kötschenbroda (Germanujo). Mon. Sm 3·00. — *Voĉo de kuracistoj.* R & A: Lwów (Galicio-Aŭstrio), Ul. Sniadeckich 6. Mon. Sm 2·00, — *Internacia stenografia gazeto »Gabelsberger«.* R & A: Dresden 20. (Germanujo). Mon. Sm ? — *Fervoja esperantisto.* R: Parennes (Sarthe, Francujo), Stacio (Bontemps) Mon. Sm 1·00. — *La Barbiro.* R & A: Wien III.-2. (Aŭstrio), Hoernesstr. 24. (V. Jaroš). Kvaronjara. Sm 0·42. — *La Informanto.* R & A: Magdeburg (Germanujo), Schroterstr. 68. (H. J. Hoen). Mon. — *Esperanta ligilo.* — *Dia regno.* — *Espero katolika.* — *Internacia scienca revuo.* — *Nederlanda katoliko.* — *Tra la filatelio.* — *Universo.* — *Internacia polica bultono.* — **Esperanto-anglaj gazetoj.** — *The British Esperantist.* R & A: London WC (Anglujo), High Holborn 133—136. Mon. Sm 1·50. — *Eŭropa kristana celado.* — *La esperanta instruisto.* — *La Londona gazeto.* — *Amerika esperantisto.* — *La Espero.* — **Esperanto-bohemaj gazetoj.** — *Český esperantista (Bohema esperantisto).* — *Časopis českých esperantistů.* — **Esperanto-bulgara gazeto.** — *Semo.* — **Esperanto-dana gazeto.** — *Dana esperantisto.* R & A: Kopenhago (Danujo), Bredgade 35. Mon. Sm 2·00. — **Esperanto-finna gazeto.** — *Finna esperantisto.* R & A: Helsinki (Finlando-Rusujo), Kaupiask 11. Mon. Sm 1·20. — **Esperanto-francaj gazetoj.** — *Franca esperantisto* (L'Espérantiste français). R: Paris (Francujo), bvd. Magenta 46 (F. de Ménil). A: Versailles (Francujo), avenue de Sceaux (G. Warnier). Mon. Sm 1·48. — *Le Monde espérantiste,* R & A: Paris (Francujo), rue Sophie-Germain 3. Mon. Sm 1·00. — *Paris esperanto.* R & A: Paris (Francujo), rue de l'Arbre-sec 21. Mon. Sm 0·60. — *Normanda stelo.* R & A: Ruen (Francujo), rue de la Vicomté 41. Mon. Sm 0·80. — *Sarta stelo.* R & A: Le Mans (Francujo), rue de la Mariette 3. Mon. 0·40. — *Ardena stelo.* Charleville (Francujo), rue Baron Quinart 40. Mon. Sm 0·60. — *Bulletin officiel de S. f. p. p. E.* R & A: Paris (Francujo), rue Lacépède 33. Mon. Sm 0·60. — *La Dek-sepa.* Paris (Francujo), bvd. Pereire 179 (H. de Coppet). Mon. Sm 0·40. —

*L'Espérantiste catholique.* — *Norda gazeto.* — *La Movado.* — **Esperanto-franc-germanaj gazetoj.** — *Juneco.* R & A: Paris 6 Francujo), rue de Vaurgirard 55. Mon. Sm 1·40. — *Svisa espero.* — **Esperanto-flandra-franca gazeto.** — *Belga esperantisto.* R: Antwerpen (Belgio), Arendstraat 26. A: Antwerpen (Belgio), Beerstraat 45. Mon. Sm 1·90. — **Esperanto-germanaj gazetoj.** — *Germana esperantisto.* R & A: Berlin SW (Germanujo), Lindenstr. 18./19. Mon. Sm 1·50. — *Germana esperanto-gazeto.* R & A: Magdeburg (Germanujo), Kaiser Friedrichstr. 1. Mon. Sm 3·50. — *German-aŭstria esperantisto* (Deutsch-österreichischer Esperantist). R: Wien VII. (Aŭstrio), Kaiserstr. 10. A: Wien VI. (Aŭstrio), Dürerg. 19. Dumon. Sm 1·25. — *Rund um die Welt* (Ĉirkaŭ la mondo). R: Praha-Vinohrady (Prag-Weinberge, Bohemujo-Aŭstrio), Nerudova ul. 4 (prof. Sgf. Lederer). — *Eĥo esperantista.* R & A: Berlin SW. (Germanujo), Dessauerstr. 1 (Echo). Mon. Sm 6·00. — *Mitteilungen des N. E. V.* R & A: Hamburg (Germanujo), Grindelallee 5-11. Mon. — *La Instruanto.* R & A: Berlin SW 68, Lindenstr. 18-19 (Möller & Borel). Mon. Sm 1·00. — *Vespera horo.* — **Esperanto-greka gazeto.** — *Greklingva esperantisto.* R & A: Samos Azia Turklando), Samosa esp. societo. Mon. Sm 1·20. — **Esperanto-hispanaj gazetoj.** — *Gazeto hispana.* R & A: San Fernando (Cádiz, Hispanujo), str. Muñoz Torrero 10. Mon. Sm 1·20. — *Nova sento.* R & A: Bilbao (Hispanujo), str. Jardines 7. Mon. Sm 0·90. — *Antaŭen esperantistoj!!* R & A: Lima (Peruo, Ameriko), Apartado 998. Mon. Sm 1·20. — *Helpa lingvo* (Lengua auxiliar). R & A: Cordóba (Rep. Argentino), Colón 88. Mon. Sm 1·00. — *Esperanta penso.* R & A: Santiago-Chile (Ĉilio, Ameriko), Casilla 2850. Mon. Sm 1·50. — *Cuba esperantista.* R & A: Habana (Kubo), Apart. 1324. Mon. Sm? — *Kolumbia stelo.* R & A: Cúcuta (Kolumbia, Sud-Ameriko). Mon. Sm 0·50. — *La Du steloj.* — *Meksika stelo.* — *Verda stelo.* — *Malgranda revuo.* — **Esperanto-holandaj gazetoj.** — *La Holanda pioniro.* R & A: Hago (Holando), Prinsestr. 48. (J. L. Bruijn. Mon. Sm 0·83. — *Laborista esperantisto.* R & A: Hago Nederlando), Falckstraat 175. (R. Coomans). Mon. Sm 0·60. — **Esperanto-itala gazeto.** — *Itala esperantisto.* R & A: J. E. Palermo (Italujo). Dumon. Sm 1·20. — **Esperanto-japana gazeto.** — *Ĉiumonata samideano.* — **Esperanto-katalunaj gazetoj.** — *Kataluna esperantisto.* R & A: Sabadell (Barcolona, Hispanujo), str. Gracia 12. Mon. Sm 1·18. — *Tutmonda espero.* — **Esperanto-kroata gazeto.** — *Kroata esperantisto.* R & A: Zagreb (Kroatujo), Zrinjski trg. 16. Mon. Sm 1·91. — **Esperanto-magiaraj gazetoj.** — *La Verda standardo.* R & A: Budapest IX. ker. (Hungario), Üllöe-út 59. sz. Mon. Sm 2·14. — *Hungara studento.* R & A: Budapest VII. (Hungario), Alpár-utca 8. sz. Mon. Sm 0·75. — **Esperanto-norvega gazeto.** — *Norvega esperantisto.* (Den Norske esperantist). R & A: Kristiania (Norvegujo), Stolmakergt 6.-IV. Dumon. Sm 1·10. — **Esperanto-pola gazeto.** — *Pola esperantisto.* — **Esperanto-pol-germana gazeto.** — *Gestudentaj interesoj.* R: Luhačovice (Moravio-Aŭstrio), Joža Mareš. A: Kraków (Galicio-Aŭstrio), Długa 11. (Ed. Žatecky). Kvaronjara. Sm 1·00. — **Esperanto-portugala gazeto.** — *Brazila esperantisto.* R & A: Rio de Janairo (Brazilio, Sud-Ameriko), rua Sete de Setembro 195. Mon. Sm 2·00. — **Esperanto-rusaj gazetoj.** — *La Ondo de esperanto.* R & A: Moskva (Rusujo)) Tverskaja 26. Mon. Sm 2·12. — *Riga stelo.* R & A: Riga (Rusujo), Krebsstr. 11. Mon. Sm 2·50. — **Esperanto-serba gazeto.** — *Serba esperantisto.* R & A: Belgrado (Serbujo), Pop Lukina 4 (ing. Dr. M. Andonovic). Mon. Sm 2·00. — **Esperanto-svedaj gazetoj.** — *Esperanto-Folket.* R & A. Hälsingborg (Svedujo), G. H. Backman. Mon. Sm 1·50. — *Sveda esperantisto.*

Redaktoro: H. K. Bouška, Praha-Smíchov 730. — Eldonanto: Jan Iglauer. Praha III, 495. — Presejo: »Politika«, Praha. — Bohemujo-Aŭstrio.